FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA · H E F

Año III (N.° 27)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 3

MARZO 1951

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# ILUSION Y FANTASIA

**Con harta frecuencia se acusa a los esperantistas de no ser gente práctica, así como de vagar románticamente por la zona nebulosa donde se balancean los ilusos.**

**Esto, con ser poco exacto, no constituye para nosotros un baldón, sino una garantía y una etiqueta de clasificación entre las personas que, en el presente, no deben considerarse como causantes de un estado de enemistad entre los pueblos.**

**Que el Esperanto es, actualmente, un conocimiento práctico, está fuera de duda, y de ello pueden dar fe los millones de esperantistas que por él, además de encontrar una satisfacción espiritual incalculable, se consideran aptos para resolver un sinnúmero de asuntos de orden internacional, como es el turismo, la correspodencia comercial, el intercambio filatélico y, lo que es mejor, la ventaja de tener, fuera de las propias fronteras, tantos amigos y tantos hogares como esperantistas hay extendidos sobre la superficie del globo. Lo triste es que el valor práctico del Esperanto haya sido utilizado por particulares y empresas privadas de comercio, turismo, navegación marítima y aérea, antes que por organismos estatales, que, a lo sumo, se han contentado con reconocer la lógica y perfección del idioma internacioual, pero sin tener la valentía de imponer su estudio, de acuerdo con los gobiernos de otros países.**

**¿Qué hubiera sido del sistema métrico decimal si el Gobierno francés no lo hubiese impuesto con medidas coactivas? ¿Acaso el Código internacional de banderas se ha adoptado por imposición lenta de los usuarios? Cuando se trata de una medida de interés y utilidad general, sea de orden cultural o sanitario, sería gracioso tener que esperar a que la gran mayoría de los gobernados adoptasen la medida y que los organismos rectores se limitasen a su aprobación «a posteriori». Esto es lo que está ocurriendo con el problema —ya resuelto desde fines del pasado siglo— del idioma internacional auxiliar. Todo el mundo reconoce su imprescindible necesidad; todos los que han estudiado concienzudamente el Esperanto han podido comprender que el problema quedaba resuetto de manera incontrovertible: basta recordar la minuciosa encuesta de la Sociedad de Naciones y la decisiva prueba de la Sorbonne. Falta tan sólo que se imponga legalmente lo que se ha reconocido ser lógico y útil, además de fácil y eficaz. Lo natural sería que lo uno trajese lo otro; pero hemos de reconocer que una cosa es la lógica y otra la realidad, y ésta no actua con mucha prisa...**

**Sin embargo, poco a poco, se producen hechos que son como peldaños en la regular ascensión del Esperanto hacia su seguro triunfo. Recientemente, la U. N. E. S. C. O. utilizó el Esperanto para la difusión de sus publicaciones Poco después, la O. N. U. recibía la petición de más de 16 millones de personas para que se le admitiese como lengua auxiliar en sus trabajos. Y últimamente, en el Congreso Europeo, cuya reciente etapa tuvo lugar en Ginebra, muchos de sus miembros se expresaron públicamente en Esperanto, tomando parte en el debate congresistas de ocho distintos países, que tan solo usaron el idioma auxiliar, produciendo honda impresión en los demás participantes, acostumbrados a presenciar el caótico espectáculo de la pluralidad de lenguas y la confusión consiguiente. Hechos son estos que constituyen pequeñas victorias, pero que preparan el terreno para la inevitable implantación del Esperanto, como idioma auxiliar internacional, oficialmente adoptado por todos los estados Y cuando ello ocurra, se pasmarán las gentes de que tal medida haya tardado tanto en adoptarse; como sucederá con la lógica e inevitable reforma del calendario, con la distribución proporcional de las cosechas y productos de la minería, y otras soluciones de tipo práctico, cuyo estudio no nos corresponde y tan solo mencionamos de pasada.**

**Y mientras la lógica no se imponga, nosotros, los esperantistas, nos consideramos muy satisfechos de que nuestra «utopía» sea un instrumento de paz y concordia.**

**Bela revo de poeto estas ofte granda utilo por la Socio!**



# LA SANKTA SEMAJNO EN HISPANIO

*Pasintjare ni rakontis pri la Festo de la Fajro en Valencio. Tial ke same ni intencas diskonigi eksterlande ceterajn popularajn festojn el nia lando, ni apertgas nun skizon pri la Sankta Semajno en Seviljo.*

Ĉie, tra Hispanio, afiŝoj reklamas jam pri solenaj procesioj de la Sankta Semajno, kiuj baldaŭ tre pompe parados en diversaj urboj. Religia fervoro kaj plej amuziĝema karaktero elbordiĝas, okaze de la tagoj en kiuj la Eklezio memoras la suferadon kaj morton de Jesuo. La grandiozeco de ĉi tiu sublima ofero inspiris multajn hispanajn skulptistojn; iliaj mirindaj verkoj, kiujn oni zorge gardas en temploj, estas nun pretigitaj por publika elmontro, okaze de la procesioj dum la sanktaj tagoj, antaŭ la Pasko, kiam tiuj artaj kaj piaj skulptaĵoj, garnitaj per riĉege broditaj manteloj, kaj kronitaj per kronoj el oro kaj briliantoj, majeste paŝas tra stratoj, kies pavimo aspektas tapiŝo, en multaj lokoj, pro malavara disĵetado de petaloj el rozoj. Kvankam tiaj procesioj okazas en multaj urboj, plej elstaraj estas tiuj de Seviljo; la tiea popolo konservas ankoraŭ la trajtojn de fantaziemo de siaj arabaj prapatroj; tial, la sanktaj monumentoj estas ornamitaj per disradiantaj riĉaĵoj. Pasigi tiun semajnon en Seviljo, kaj ĉeesti ĝiajn procesiojn, estas travivaĵo *neniel forgesebla*. En la malluma nokto, post longaj vicoj de pentantoj, vestitaj per longaj roboj, kun kapoj kaj vizaĝoj kovritaj per altpintaj konusformaj maskoĉapoj, la Krucumito malrapide defilas laŭ la mallarĝaj florplenaj stratoj kaj stratetoj de la andaluzia ĉefurbo. De tempo al tempo, la procesio haltas kaj la koron tuŝas virina voĉo, kiu prikantas la doloron de María aŭ la superhoman suferon de Jesuo mortanta. Meze de impona silento, kvazaŭ la urbo fariĝus senhoma, la statuo de Jesuo iomete skuiĝas kaj reiras antaŭen, laŭ ritma takto. Pluen ĝi iras nur kelkajn metrojn, ĉar la portiloj, lignaj, metalaj, kelkfoje eĉ arĝentaj, pezas dumil aŭ trimil kilogramojn; kaj tial, amaso da cent-kvindek ĝis tricent fratuloj ilin portas surŝultre. La grandega pezo de tiuj platformaj portiloj (tronoj. en la procesia ĵargono) estas kaŭzo, ke nur kelkajn minutojn oni povas elteni ilin sur la ŝultroj. Post tiuj minutoj, nepre oni devas ripozi. La procesio haltas, kaj denove aŭdiĝas, kvazaŭ lamento, la tiel nomataj flugkantoj al Dio-Homo.

Ekzistas multaj kunfrataroj, ĉiu el ili sub la patronado de difinitaj alegorioj de Jesuo kaj Maria. Ili distingiĝas de aliaj samspecaj kolegoj per la formo kaj koloro de la vestoj de siaj membroj. La uniformo konsistas el longa robo, silka aŭ velura, ĝis la piedoj, altpinta ĉapo kun pendmasko aŭ mantelo kovranta la vizaĝon. Pro la maskitaj vizaĝoj estas absolute neeble koni la personojn, nur la okuloj brilas kaj viglas, tra la maskotruoj. Ĉar la andaluzia klimato estas milda, la plej belaj procesioj, okazas dum nokto. Sub la ĉiela volbo, plena de brilantaj steletoj, kuŝas la urbo, en kiu oni estingis la elektrajn lumigilojn. Ne estas alia lumo ol tiu flaveca de la vakskandeloj, milope ĉirkaŭantaj la sanktajn figurojn, aŭ tiuj aliaj ĉemane portataj de pentantoj. Ambaŭflanke de la stratoj, la popolo staras atendante la alvenon de la procesio. Kiam ĝi aperas, ia mistera sento kuniĝas la pensojn, la kapoj kliniĝas kaj la genuoj tuŝas la teron, dum ŝvebas ankoraŭ en la jam varmeta printempa aero la mistika simfonio de tiu gaja, kaj tamen sobra, andaluzia popolo, kiu kantas por preĝi...

Ankaŭ nunjare ni ricevis la viziton de eksterlandaj gesamideanoj, kiuj venis al Valencio por admiri la tipajn festojn, kiujn nia urbo organizas meze de Marto. Niaj vizitantoj, sinjoro Harry van Zijl, kaj lia edzino Henny, el Haarlemo (Nederlando) kaj sinjoro Pierre Poly, el Parizo, ankaŭ kun edzino, estis plezure, akceptataj, kiel honoraj gastoj, en la intimeco de niaj familiaj hejmoj

# SCIENCA DISKONIGADO

## PRI AKUTA APENDICITO

de kuracisto D-ro E. Cudela Flores (Valencio)

*RIMARKO - La sekvanta artikolo estas intence verkita por ne profesiuloj. Jen, do, la kialo de tute necesa klarigo pri diversaj teknikaj vortoj*

Tre ofte oni demandas: Kial okazas nun tiom da apendicitoj? Tamen, apendicitoj akazas nun nek pli nek malpli ol antaŭe; sed la esploraj metodoj multege perfektiĝis, kaj rapide oni povas diagnozi apendiciton ĉe la unua momento. Jen la plej gravaj simptomoj: Doloro, naŭzo aŭ vomo, febro, k. t. p. Doloro ekestas ĉiam, komence de la atako, ne ĉe la dekstra iliaka kavaĵo (dekstre kaj sube de la umbiliko) sed ĉe la epigastro (sur stomako, meze kaj supre de la ventro) aŭ ĉirkaŭ la umbiliko, kune kun naŭzoj aŭ vomo, pli aŭ malpli abunda; nur kelkajn horojn poste (12-18) la doloro lokaliziĝas ĉe la iliaka kavaĵo. Oni devas averti, ke multfoje ĝi estas ne intensa, apenaŭ sentebla de la malsanulo; kaj, plie, la sentemo aŭ sentokapablo ne estas sama en ĉiuj homoj kaj aĝoj; tial, estas grandega eraro supozi, ke forta doloro aperas en ĉia apendicito. Precize, en tre danĝeraj kazoj (ekz. gangrenoj) la doloro estas ordinare ne intensa; kaj la kuracisto, kiam oni suspektas apendiciton, esploras metode kaj detale la pacienton, serĉas eĉ la minimuman doloron, ĉar multfoje ĝi restas tiel kaŝita, pro la situacio aŭ pozicio de la apendico, ke oni devas esplori ĝin tra la rektumo aŭ vagino. Ankaŭ, pro ne norma situacio de la organo, la apendicito aspektas kiel hepata aŭ rena koliko. Ĉe la infanoj, la doloro lokaliziĝas pli supre ol ĉe la plenkreskuloj. Konkrete oni devas diri, ke naŭzo aŭ vomo, stomaka doloro (intensa aŭ ne) kiu poste translokiĝas al la dekstra iliaka kavaĵo, kune kun febro, pli aŭ malpli alta (38° aŭ malpli) kaj ĝenerala malsama malordo, devas altiri la atenton por voki la kuraciston, kiu tuj, kiam per observo kaj esploro oni suspektas apendiciton, ordonos analizi sangon; per kio oni scios certe, ĉu estas aŭ ne estas apendicito. Neniam oni devas operacii malsanul(in)on, kiu suferas eblan apendiciton, antaŭ ol analizi sangon, ĉar kelkfoje okazas, ke aliaj malsanoj ŝajnas apendicito, precipe en la komenco; sed la sanga analizo, en tiaj kazoj, montros evidente, ke apendicito ne ekzistas. Antaŭlonge, post kiam, ordinare malfrue, la kuracisto diagnozis apendiciton, la kuracado estis tre simpla: longa litkuŝado, gumsako plena de glacio, sur la iliaka kavaĵo, semajnon post semajno, minimuma nutrado, k. t. p. Du aŭ tri monatojn poste, kelkaj el la postvivantoj, ege malgrasaj, skeletosimilaj, estis operaciataj «malvarme». La ceteraj, kunportante sian malsanan apendicon, ĉiam malviglaj, malsanetaj, suferante oftajn maldigestojn k. c. de tempo al tempo malsaniĝis pro nova atako. Nun tra la tuta mondo, kiam oni diagnozas apendiciton, oni operacias ĝin kiel eble plej baldaŭ, por eviti pligraviĝojn, kaŭze de krevo aŭ traboriĝo de la apendico, aŭ etendiĝo de la infekto tra ĝia pario, kio okazigas peritoneiton, kiu, tre danĝera komplikaĵo, povas fine mortigi la malsanulon. Antaŭ akuta apendicito, la ĥirurgo devas forlasi ĉiajn laborojn kaj operacii tuj, ĉu tage, ĉu nokte, ĉar multenombraj statistikoj montras, ke la danĝero de operacio «varme», dum la atako, ne estas pli grava ol post tio. Cetere, dank' al antibiotikoj (sulfamidoj, penicilino, k. t. p.) la ĥirurgoj povas operacii sentime eĉ la plej gravajn kazojn, ĉar la enmetado en la abdomenon de tiaj mirindaj kuraciloj, kun daŭra kaj senĉesa postoperacia injekto, evitos ĉiujn komplikaĵojn. Nur kiam la ĝenerala stato de la paciento estas tiel malbona, ke ĝi ne povos elteni operacion, oni prokrastos ĝin; sed tuj, kiam per adekvata kuracado la malsanulo pliboniĝos, li devas esti operaciata. Kial apendico inflamiĝas tiel ofte? Ĉar tiu organo estas longa kaj mallarĝa tubeto, kiu elmergiĝas de la cekumo; kaj grajno el frukto, vermoj aŭ scibalo (malmola fekaĵo) povas facile trafi la apendican kavaĵon; pro tio la tubeto obstrukciĝas kaj ebligas la infekton. Alimaniere, malproksimaj infektoj okazigas apendiciton, per sanga transportado de mikroboj; kaj tre ofte, post tonsilito (inflamo de la glandoj de la gorĝo) okazas apendicito. Ĉe la apendica pario (ne korekte, muro) ekzistas teksaĵo tute simila al tiu de la tonsiloj, tial apendico estas ordinare ankaŭ nomata «la abdomena tonsilo».

---

En la universaleco de la fizika doloro, kiun la homo spertas, estu konsolo kaj rimedo la plena universaleco de Esperanto!

## HISPANA KRONIKO

**MADRIDO.**—Nia movado iom post iom, sed firme kaj sekure, ebenigas tie la vojon de sia antaŭenirado. Ĵus fondiĝis «Madrida H. E. F. Sekcio», kies unua ekstera elmontro estas sukcesplena kurso por komencantoj, kiu funkcias ĉiutage vespere, ĉe grava regiona societo «Casa de Aragón» (strato Carretas, n.° 6, 2.°). Multenombraj zorge presitaj cirkuleroj diskonigas informon pri la senlaca agado de niaj tieaj amikoj, kiuj scias taksi la gravan signifon, kiun por estontaj laboroj ludas jam nun la publika instruado de Esperanto, en la ŝtata ĉefurbo kaj geografia centro de la lando.

**BARCELONO.**—Grupo-Esperanto, ĉe la «Cooperativa de Tejedores a mano» (strato Teruel, 26-28), lerte gvidas sian kampanjon; marde kaj vendrede okazas kurso, dum lunde kaj ĵaŭde oni kunvenas por perfektiĝi en la lingvo, per oportuna konversacio. Se la semado ne ĉesas, la rikolto estos bona; kaj certe efektiviĝos la espero, kiun niaj barcelonaj amikoj dorlotas por altigi la rangon de nia movado, almenaŭ ĝis la nivelo, kiun tie oni atingis en la antaŭmilita tempo; kaj tio ja ne estas malmulte!...

## HABLEMOS Y CHARLEMOS TAMBIEN UN POCO ENTRE NOSOTROS...

*A la vista de las muchas contestaciones recibidas al cuestionario sobre nuestro Boletín,* procede hacer amistosamente unos cuantos comentarios: Diremos en primer lugar que más de la mitad de papeletas muestran su absoluta conformidad al actual formato y distribución del texto entre las diversas secciones. Naturalmente, en tal caso, aunque siempre agradeciendo muy de veras las palabras de aliento y alabanza, hemos prestado más atención a las que mostraban alguna duda o hacían simplemente alguna sugerencia. En este sector existen dos criterios muy difíciles de coordinar: los que desean que casi todo el texto vaya en Esperanto (mayoría entre la minoría de «disconformes») y los que quisieran que los textos en el idioma internacional, no ocupasen más de la mitad del espacio total. Ante este dilema, comprenderán todos que lo más acertado es seguir como hasta ahora, siendo así que este es el deseo de la mayoría. Entre las nuevas secciones solicitadas hay algunas, como las de Crónica Nacional y textos paralelos bilingües, que ya se han inaugurado; pero deben tener en cuenta los lectores, sobre todo los que residen fuera de Valencia, que para poder publicar información nacional hace falta, naturalmente, recibir... esta información; esperamos, pues, la colaboración de todos en forma de pequeños artículos y reportajes. El deseo expresado por muchos, de ver impreso en tinta verde el membrete de la cabecera, ya ha sido complacido, aunque ello representa un pequeño gasto más. Otras secciones, como las de biografías de veteranos y temas científicos, irán apareciendo de vez en cuando y de manera oportuna. Digamos sobre esto que han habido solicitudes de una sección taurina, otra de lotería, otra de automovilismo, etc., etc... Procuraremos asimismo complacer a los que desean ver también una sección recreativa, de pasatiempos y curiosidades, sin olvidar la parte humorística, que hasta ahora no ha sido atendida debidamente. Sobre la sección central «Inter la Prozo...» solo han habido tres sugerencias de reducir su espacio. Debe tenerse en cuenta que esta sección es la que nos liga con el exterior y es precisamente una de las que se leen con más interés en las redacciones de nuestros colegas del extranjero; tanto es así que son ya varios los periódicos que bajo diversos títulos, más o menos parecidos, la han introducido en sus columnas. Sin embargo es idea nuestra, sin cambiar la orientación actual, dar más variedad a estas páginas, presentando allí algún que otro texto agradable, fuera del tema central. A los que piden una mayor regularidad en la aparición, les diremos tan sólo que ese es también nuestro mayor anhelo, pero reconocerán todos asimismo que pocas veces han mediado más de treinta días de un número a otro, y para lograr esto, que parece tan sencillo, cuesta muchas —¡muchísimas!— horas de trabajos y desvelos a los pocos que a ello nos dedicamos, consumiendo íntegramente en la tarea todo el caudal de tiempo, que la prosaica lucha por la vida nos deja libre. Para terminar daremos una buena noticia: Posiblemente, a mediados de año editaremos el Anuario de nuestra Federación con la localidad, nombre y dirección de todos los afiliados. Y... ahora un ruego a pesar de todo lo dicho: esperamos recibir nuevas sugerencias que serán siempre estudiadas por

LA REDACCION

# S-ro MANUEL CAPLLIURE

## UNUA PREZIDANTO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

**Nun, en la preciza momento, kiam, pro multjareco kaj malbonfarto, nia Prezidanto forlasas la postenon, kiun plej digne li okupis dum pli ol tri jaroj, decas diri kelkajn vortojn pri la honorinda samideano kaj respektinda patriarko, kies persona historio estas intime ligita kun la historio de la hispana esperantismo.**

Li naskiĝis la 10an de Julio 1873, en Cabañal (apudmara kvartalo de Valencio). Ankoraŭ juna, li fariĝis Abituriento kaj Supera Instruisto; jam en tiu frua tempo, li montris intereson por nia lingvo, kiun profite kaj plene li lernis, akirinte la koncernan diplomon de la Internacia Instituto de Esperanto en Ĝenevo (Svisio). Li estas aŭtoro de grava lernolibro por hispanoj: «Gramática, Ejercicios y Diccionario de Esperanto». Majstre li redaktis tiutempan gazeton «La Suno Hispana» dum ĝia tria kaj lasta epoko, pri kiu ankoraŭ multaj memoras. En la Valencia Universitato, li klarigis longe Esperanto-kursojn; cetere, li estis Membro de Hispana Instituto de Esperanto kaj vere akurata Vicdelegito de U. E. A. en Valencio, dum kelke da jaroj.

**Komisiite de la redakcio, nia amiko J. Juan Forné vizitis lin, kun salutoj de la tutlanda esperantistaro, kaj faris intervjuon, kies kompilon sube ni prezentas, kiel ateston de nia kora estimo kaj alta respekto al la nobla pioniro, kiu nun, oficiale kvankam ne spirite, rezignas la gvidan postenon de efektiva kaj aktiva Prezidanto de nia Hispana Esperanto-Federacio.**



—Kiam vi fariĝis esperantisto?

—Mi ne rememoras la jaron; mi nur scias, ke mi komencis lerni Esperanton en somera kurso, dum monato Julio; kaj en la posta vintra kurso, kiu komenciĝis en Novembro, la estraro de la «Valencia Grupo» devigis min instrui ĝin. Mi klarigis kursojn en Cabañal, en la Supera Komerca Lernejo kaj Universitato (Instituto de Idiomoj). Poste, ankoraŭ mi gvidis kursojn en tiu jam aludita «Valencia Grupo», kiu regalis min per titolo de Honora Prezidanto.

—Ĉu vi partoprenis en iu Internacia Kongreso de Esperanto?

—Jes, mi vizitis Parizon por partopreni en la 10a Kongreso, kun altaj kvin hispanaj gesamideanoj (tri virinoj kaj du viroj). Ni spirite multe suferis tiam, en la franca ĉefurbo, pro la ĵus eksplodinta milito.

—Kia esperanta stilo pli plaĉas al vi: la nuna aŭ la malnova?

—La malnova, kiu estas fidela al la Fundamento de Esperanto, kiun starigis D-ro Zamenhof. Mi ne ŝatas neologismojn kaj, multe malpli, reformojn!

—Kion vi opinias pri la evoluado kaj nuna stato de Esperanto en Hispanio?

—**Ŝajnas al mi, ke denove nia movado kreskas en nia lando. Ĝi estis preskaŭ mortinta, sed ĝi denove vigle reviviĝas. Pro tio mi estas tre kontenta! Mi kredas, fidela al la Majstro, ke Esperanto jam ne povas morti, ĉar ĝi havas sufiĉan internan forton por vivi kaj kreski en la tuta mondo. Mi scias, ke en multaj hispanaj urboj oni faras sukcesajn kursetojn por novaj adeptoj. Mi deziras al ili treege efikan finon, kaj al la kursgvidantoj mian plej koran bondeziron!**

—Ĉu vi estus tiel kompleza diri, pere de nia Bulteno, kelkajn vortojn por la tuta hispana esperantistaro?

—**La Hispana Esperanto-Federacio honorigis min per la Prezidanteco, posteno vere ne merita de mi; kaj nun mi tre multe bedaŭras, ke miaj aĝo kaj sano ne permesas al mi labori laŭ mia deziro; sed mi tute ne povas! Malgraŭ tio, mi ne diras adiaŭ, ĉar mi ne foriras el vi. Mi estos kore kaj anime ĉiam en via akompano! Mi deziras al la Kongreso de Tarrasa grandan sukceson; ke ĝi estu komenco por nova plej ora epoko de Esperanto en nia lando!**

# INTER LA PROZO DE LA ESPERAN

...Kaj subite krevis la glacia krusto! Fendiĝis la vitro de sorĉaj flakonoj tra kies fendaĵoj abunde elverŝiĝas la oleo de ĉiuj printempaj esencoj: Jen aromoj ŝvebas malpeze, jen treege variaj koloroj petolas laŭ danco de helaj reflektoj kaj briloj, ĉar bluas la ĉielo, flirtas papilioj kaj... zumas la burdoj. La sango bolas ĉe la junaj vejnoj, en impeta fluo kaj sinsekva daŭro, kiel eterna simbolo de venko super kadukeco kaj morto. En la branĉoj, skuataj de interna premo, la burĝonoj eksplodas en faskojn de freŝaj folioj, kvazaŭ verda hararo kun arogaj bukloj, kombitaj de varmeta vento, kiu incite blovetas, spicita per la polvo kreiva de potenca poleno. Jes, ĉio lumas en la naturo, ĉio festas, ĉio pompas, ĉio nun sin preparas por ĝui la ĝuon vivi la vivon tial, ke floroj en la arboj kaj ovoj en la nestoj, murmuroj de fontoj aŭ ŝmacoj de kisoj, inter amuzaj kanzonoj kaj ĝojbruaj kuretoj de junulaj bandoj —dum la birdoj trilas, kaj ludeme saltas surteraj bestetoj— atestas plej elokvente, ke reĝas Amoro kaj ke Printempo jam venis!...

Dezirante agi laŭ la vigla takto de ĉi tiu medio, mi svingas kuraĝe la modestan krajonon, kiu —kvazaŭ sceptro de mia fantazio, tute preta je via servo— tuj komencas recenze raporti pri ĵus ricevitaj gazetoj:

Mi promesis oportune paroli pri la nova poŝa formato de ESPERANTO, la organo de U. E. A. Vere ĝi estas konvena kaj praktika; sed, interpretante la sencon de diversaj opinioj, kiuj flugis ĝis mia izolejo, mi devas diri, ke ŝajne ĝi estus ankoraŭ pli ŝatata, se la kovrilo, el kiu ajn koloro, estus pli forta, pli ŝirmokapabla por la revuo, en la okazo, ke oni aplikus la celitan rimedon porti ĝin en la poŝo. Pri la enhavo —ĉefaĵo en gazeto; ĉar, same kiel en ĉiu pakaĵo, pli grava estas la enhavo ol la formo— ĝenerale, oni nur laŭdojn povas diri. Oni rimarkas tra ĉiuj paĝoj la dorlotan manon de la redaktoroj; tamen... ankaŭ venis cetere ĉe mi kelkaj voĉoj, ne plene konsentaj pri rea enŝoviĝo de felietono, ĉar oni kredeble ŝatus pli vidi anstataŭe kompletan novelon, en ĉiu aparta numero. Sed, kiel dirite en la komenco, pro formo kaj enhavo, ĝi estas gratulinda prilaboraĵo! FRANCA ESPERANTISTO sekvas la modon, je mezuro laŭ amplekso de la poŝoj, kaj anoncas sian decidon per spritaj vortoj, el kiuj kelkajn mi ŝatas represi: «Ĉu vi jam provis novan vestaĵon, ĉe tajloro aŭ kudristino? Oni sin rigardas kompleze en la spegulon, laŭ pluraj vidpunktoj; oni opinias, ke la nova aspekto certe impresos favore al konatoj, kaj ke el tio rezultos decidigaj sukcesoj en la vivo. Poste, la konatoj laŭdas vin, admiras la belan veston, sed rapide oni alkutimiĝas je la nova kostumo, kaj oni portas ĝin senpripense». Mi ĝojas pro tio, ke la kovrilo de nia franca kolego estas sufiĉe rezistokapabla por kontentigi la dezirojn de tiuj, kiuj deziras la samon por la internacia revuo de U. E. A. En la januara kajero, sub titolo «Miaj infanoj» estas bonega artikolo de S-ino Major, kiu instruas *oficiale* anglan lingvon kaj Esperanton en la geknaba liceo de finnlanda urbo. Mi ne pinĉas fragmenton, ĉar mi intencas influi por kompleta represo. BELGA ESPERANTISTO estas nun la lasta aliĝinto al la «poŝismo». Bela desegnaĵo sur la kovrilo, kiu cetere estas ordinare papera, donas efikan impreson. Rimarkinda flanko de ĉi tiu gazeto estas la rubriko, tre ampleksa kaj detala, pri la landa kroniko, kio pruvas ne nur zorgon ĉe la redaktistoj, sed ekzisto de bona grundo sur la tuta belga teritorio. ESPERANTO-LERNEJO estas la monata organo de la francaj esperantistaj geinstruistoj. Tial, ke ĝia celo estas disvastigi nian lingvon inter fakuloj de la instruado, la enhavo aperas plejparte en franca lingvo, sed zorga kaj trafa redaktado, kaj bona preso, sur dekses paĝoj de verda papero, alte lokigas tiun gazeton; ĉar, kredeble, ĝi estas la plej grava en la pedagogia fako. Sincere mi dankas la afablajn vortojn, kiujn oni tie dediĉas al mia rubriko. Antaŭen, amikoj! NEDERLANDA ESPERANTISTO, ankoraŭ en sia granda formato, bele aspektas kiel tagĵurnalo. Plene interesa estas la artikolo sub titolo «Aktoroj kaj Esperanto» kie oni detale rakontas pri la plej gravaj teatraj prezentadoj, okazintaj en nia lingvo; krom raportoj pri la landa movado kaj tre bonegaj gramatikaj klarigoj, oni ne timas nek hezitas alfronti kuraĝe kelkajn aspektojn, kiel tiun pri la eternaj komencantoj, kiuj malbone efikas por la tuta afero. ESPERO KATOLIKA saĝe kaj lerte aran-

# STA GAZETARO

ĝas sian enhavon per pure religiaj temoj kaj ĝenerale interesaj kontribuaĵoj. Rimarkinda estas la artikolo pri Valencio, la urbo mem, kie nia Bulteno estas bakita. Ĝia aŭtoro, sinjoro Antono Colladó, bona amiko mia, sukcesis fari precizajn klarigojn per koncizaj vortoj, kio vere duobligas la valoron de lia priskribo. SVISA ESPERO informas detale pri ĉiuj gravaj sciigoj, landaj aŭ eksterlandaj. Certe, tiu materialo, ŝajne tro simpla, en manoj de lerta kompetenta redaktoro, liveras bongustan kaj belan salaton. Ankaŭ al la karaj svisaj geamikoj mi reciprokas iliajn salutvortojn; ili trovos en la hodiaŭa numero la plenumon de tiu deziro, pri kiu afable ili petis AUSTRIA ESPERANTO-REVUO, en novjara saluto diras: «Sur la ĉielo de la nova jaro pendas nigraj nuboj... Pro tio, kelkaj el niaj «pacaj batalantoj» perdis intereson kaj respondas la alvokon al plua kunlaboro per la frazo, ke «ĉio jam nenion utilas». Sed ili grave malpravas! Eĉ se la danĝero por la paco estas plej granda, la defendo de ĝi, la batalo por ĝi plej necesas». Jen belaj vortoj, kiuj plezure mi legis, kiel devizon de la gaja kaj brava aŭstria popolo. VERDA STELETO, konata informilo de Itala Esperanto-Oficejo, estas kvazaŭ albumo de plej varia, sed ĉiam interesa enhavo. Lerta distribuo de la materialo ebligas harmonion de seriozaĵo inter spritaĵo kaj versaĵo. VOĈO DE ISLANDO, la bonega kaj bela heroldo de la norda insulo, anoncas sian provizoran malaperon pro financaj kaŭzoj. Tiu subita sciigo estas tre bedaŭrinda, ĉar la kolekto de ĉiuj aperintaj kajeroj prezentas veran antologion de la islanda literaturo, laŭ modelaj tradukoj. Mi esperas, kaj forte deziras, ke denove tiu ĉarma revuo venos ĝis mia dometo, kun la serena signo de tiel honesta kaj progresema popolo, kiel estas la islanda loĝantaro.

Post tiel bonaj deziroj al la estimata kuriero de la malproksima insulo, kiun en imago mi vidas envolvita de densaj nebuloj, volupte mi atentas denove la bluon de la ĉielo; kaj, spirante la puran varmetan aeron, mi lasas fali la krajonon kaj kviete haltas en la skribado, ĉar kiam plenumo de la devo jam efektiviĝis, la ripozo estas la plej dolĉa rekompenco, kiun povas ricevi

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

# INTER MI KAJ VI

de moderna valencia poeto

**VICENT CASP VERGER**

Ho, la karno,
pia karno:
el korpo via.
Vi.

La koloro
pura, delikata,
el korpo via
bruna.

La atlaso
brila, milda,
el korpo via
nuda.

Ho, la momento
forfluga, facila,
de ni ambaŭ
mutaj.

Tra batanta
elokvento
el grimacoj
okulaj.

Pro sopiroj,
kun etaj flugiloj,
inter vi kaj mi
kunaj.

Ho, la amo
el karno via,
kiel atlaso
luma...

Jam ne plu
niaj vivoj
disigite
restos.

La sopiroj
nur ekestos
per flugo
rapida

Kaptita de lipoj,
inter vi kaj mi,
kaptita de lipoj
inter mi kaj vi.

El la valencia (kataluna) lingvo tradukis

**LUIS HERNANDEZ**

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● FRANCIA.—Durante la Feria de Muestras de París, que tendrá lugar del 28 de abril al 14 de mayo, se montará un stand para exhibición y propaganda de material esperantista, proporcionando información sobre la lengua auxiliar a todos los interesados. En la Feria de Lyón, que tendrá lugar este año, del 31 de marzo al 9 de abril, también se hará uso oficialmente del Esperanto, como viene haciéndose de años atrás, merced a la labor que en tal sentido realiza en el comité organizador el señor Richard Levin.

El 15 de noviembre último se conmemoró con los debidos honores y sana alegría, el cincuentenario del Grupo Esperantista de París, fundado en 1900 a iniciativa del señor Gastón Moch, padre del conocido político y actual Ministro de Defensa francés.

● ITALIA.—El Presidente de la Federación Esperantista Italiana, profesor Giorgio Canuto, ha sido nombrado Rector de la Universidad de Parma, desde cuyo alto puesto honra nuestro movimiento con el bien merecido prestigio de su nombre.

● GRECIA.—Gracias al desvelo del eminente esperantista doctor Anakreon Stamatiadis y a su trabajo en pro de la introducción de la enseñanza del idioma auxiliar, durante el curso 1949-50 han estudiado el Esperanto en las Escuelas Superiores del país 1.296 alumnos, con lo que ha tomado gran impulso la lengua internacional entre las futuras generaciones intelectuales helénicas, cuya influencia ya se deja sentir actualmente.

● SUIZA.—«Revue Touristique», de Vevey, publica artículos en Esperanto y francés. A pesar de la coexistencia oficial de cuatro idiomas en el país helvético (francés, alemán, italiano y romanche), no se desdeña la utilización de la lengua auxiliar en todo lo que tiene un caracter internacional, como las publicaciones turísticas y los programas de radiodifusión.

● INGLATERRA.—«Reference Catalogue of Current Literature», importante reseña de ediciones literarias, menciona en su anuario para 1951 cincuenta y tres volúmenes de los publicados en Esperanto por «The Esperanto Publishing Company, Ltd.».

● CUBA.—Se ha hecho cargo del consulado cubano en Oslo (Noruega) el esperantista Dr. Eduardo Morilla, quien verá facilitada su labor oficial por la correspondencia mantenida durante tres años con el presidente del Club Esperantista de la capital noruega, que le ha hecho conocer múltiples facetas de la vida y ambiente de aquel pueblo.

● BRASIL.—«Por iu pli bona Mondo» es un bello opúsculo, ricamente editado por el Instituto Brasileño de Geografía y Estadística, dedicado al XXII Congreso Internacional de Esperantistas Católicos, teniendo como portfolio el retrato de Su Santidad Pío XII.

● URUGUAY.—Con motivo del 50 aniversario de su publicación, la Sociedad Uruguaya de Esperanto ha editado —traducción esperantista del profesor Fernández Menéndez— «Ariel», la obra cumbre del célebre escritor uruguayo José Enrique Rodó.

● AUSTRALIA.—Se ha constituído la Sociedad Australiana de Maestros Esperantistas, con la finalidad de introducir y desarrollar activamente el Esperanto en las escuelas.

# INTERLINGVA PARALELO

## ORIGINALO

**Una vez dije: Una palabra puede echar a perder un poema; y una línea, un cuadro; y una rosa, un jardín. Hoy digo: Artistas, poetas, hombres, creed en vuestro poder. Una línea puede hacer, de un borrón, un gran dibujo; una nota puede hacer, del ruido, una melodía; una rosa, de un secarral, un jardín; una palabra hace, de una frase gris, un poema; una acción, de un pecador, un santo; un electrón vuelve, quizá, el carbón en diamante. El hombre, el más débil, lo puede todo.**

**De un conjunto de aforismos del publicista Pedro Caba**

## TRADUKO

Foje, mi diris: Unu vorto povas difekti poemon; unu linio, kadron; kaj unu rozo, ĝardenon. Hodiaŭ, mi diras: Artistoj, poetoj, homoj, kredu je via povo! Unu linio kapablas fari, el makulo, gravan desegnaĵon; unu muziknoto pavas fari, el la bruo, melodion; unu rozo, el sekaĵejo, ĝardenon. Ankaŭ unu vorto faras, el griza frazo, poemon; unu ago, el pekinto, sanktulon; kaj unu elektrono, kredeble, turnas la karbon en diamanton. La homo, eĉ tiu plej malforta, kapablas ĉion!

**El kolekto da aforismoj de la publicisto Petro Caba**



# LETERO EL AFRIKA KOLONIO

***Jen, denove, optimista saluto de la simpatia misiisto Felikso de Valois Arana, kiu, laboronte kaj agante sub tre rigora tropika klimato, ne forgesas siajn amikojn, tiel same fervore laborantaj en la vasta rondo de la esperantismo.***

Estimata bravega samideanaro!

La septembran kajeron de nia ŝatata bulteno mi ricevis antaŭhieraŭ. Mi tralegis ĝin scivoleme, kiel kutime. Tamen, ne nur scivole sed ankaŭ science. Tial, mi rimarkis en la artikolo «Denove pri Hispanismoj» verkita de Azor, kaj adresita al S-ro Régulo Pérez, ke inter la hispanismoj oni enmetas la vorton *Toreadoro*. Mi kredas ***salvo meliori***, kiel latine oni diras, kaj bonvolu pardoni, ĉar nur la veron mi celas, ke tiu vorto devenas rekte el la franca lingvo, kiu, por traduki nian hispanan terminon *Torero*, diras ***Toreador***, el kiu la esperanta vorto. Tia deveno estas tute verŝajna, ĉar nia kara Majstro Zamenhof konis la francan lingvon kaj ne la hispanan. Oni ne povas kredi, do, ke *Toreadoro* estas hispanismo. Tamen, kvankam ne rekte, pere de la franca, el la hispana lingvo ĝi ja devenas. La paŝo pri Esperanto-Movado estas verè kuraĝiga. Kiam ni, karaj amikoj, atingos, kion aliaj nacioj jam atingis? Tute certe, ni superas la portugalojn, kiuj restas en malespera ***sine die***, laŭ Saldanha Carreira, sed aliaj landoj ne estas Portugalio. La malproksima Japanio donas lecionon al ni pri la utileco de Esperanto, enkondukante ĝian studon en la Universitaton de Kobe kaj aliaj. Plue, do, ankoraŭ ni devas labori; ni ne forgesu, ke nia afero estas sankta, ĉar sankta estas nia celo: tutmonda paco, per ĉiunacia interkompreniĝo! Tia estis la ideo de nia Majstro en lia poeziaĵo «Al la Fratoj»:

| | |
|---|---|
| *Forte ni staru, fratoj amataj*<br>*Por nia sankta afero* | *Ni bataladu, kune tenataj*<br>*Per unu bela espero!* |

Ĉi tiu espero nepre devas efektiviĝi. Kiel? per nia laboro senhalta! «Veku —diras ankaŭ Zamenhof— veku konstante, ne timu ridon. insulton. Voku, voku ripetadante, ĝis vi atingos aŭskulton!» Ĉi tiu Zamenhofa vortludo estas lerta kaj instrua por ni, hispanaj esperantistoj. Estu certaj, karaj samideanoj, ke nia laboro kaj pacienco faros feliĉa la mondon. Ne forgesu, ke tiu. kiu tion diras al vi, estas humila hispana Misiisto, volonte enterigata dumvive en ĉi tiu densega afrika arbaro, pro amo al la homoj, imagaĵoj de Dio. Ankaŭ ĉi tie, mi laboras por nia afero, laŭ mia eblo; kaj tre ĝoje mi povas jam diri al vi, ke ĉi tie funkcias malgrandeta esperanta klubo. kie oni aŭdas kaj atente aŭskultas nian flekseblan kaj harmonian lingvon ĉiutage vespere.

Koran dankon pro publikigo de mia antaŭa letero, en pasintjara numero de nia Bulteno. Mi ricevis multajn esperantajn librojn el la tuta Eŭropo, el Ameriko, ankaŭ bona germana virino pagis por mi tutjaran kotizon por germana revuo «La Ĝusta Vojo». Dio pagu al ŝi, pro tiom bona volo! Ĵus mi estis nomata direktoro de hispana gvinea revuo «La Guinea Española», la sola revuo, kiun oni publikigas en ĉi tiu teritorio. Pro tio ŝanĝiĝis mia adreso: bonvolu anonci tiun ŝanĝiĝon por ke ne okazu interrompo en la ricevo de venontaj sendaĵoj, pri kio antaŭe mi dankas. Kion pri la Katolika Esperantista Hispana Asocio?

Kun miaj benoj kaj bondeziroj al vi ĉiuj

**Pastro FELIKSO DE VALOIS ARANA**
**Katolika Misio SANTA ISABEL**
**Fernando Póo (Guinea Española) Afriko**



**Fervoro kaj sindonemo devas esti normo gaja de konscia esperantisto!**



# PRI HEJMAJ KONFLIKTOJ

***Kiel valora perlo en humila konko, tiel nestas bonaj artikoloj en plej modestaj gazetoj. Konfirmo de nia aserto estas jena artikolo, subskribita de Meda, kiun plezure ni represas el la Januara kajero de SAT-AMIKARO***

Fakto estas, ke malsamaj idealoj opozicias plej ofte al kunvivantaj viro kaj virino. Skeme, oni povas konsideri, ke viro havas «socian idealon»; virino «hejman idealon». La unua sin donas volonte al iu socia zorgo: politiko, sporto, vetludoj, filantropio; dum la dua ĉefe —kaj kelkfoje, nur— okupas sin pri familiaj kaj hejmaj zorgoj. *Mi emus diri inverse*, ke viro estas «hejma egoisto» dum virino estas «socia egoisto», Ili ambaŭ bonvolas partopreni la bonojn, ĉu de la familio, ĉu de la socia vivo, sen efektive partopreni la zorgojn.

Ni ĉiuj konas la tipan edzon, kiun edzino kaj filino servas, kiel paŝaon, en la hejmo. Sed ni ja konas ankaŭ virinojn, kiuj akceptas kaj ĝuas plialtigon de salajro, kiun la sindikato penade havigis al ili, kaj ne konsentas eĉ pri pago de kotizo al sindikato. Kiom da el tiu sama speco partoprenas plezure niajn kongresojn kaj grumblas, se la edzo ŝtelas al ili kelkajn horojn, por helpi la movadon?

La malharmonio kuŝas en tio: vartante «sian ĉevaleton», unu kontraŭas la egoismon de la alia. Tamen, vi pensas, ke la hejma sindonemo de la edzino iras renkonten al la vira egoismo. En *la realo*, ŝiaj konstantaj hejmaj zorgoj, kiuj malhelpas ŝin eliri kun li, kiuj devigas lin resti, dum li volus foriri, *kiuj igas ŝin surda* aŭ laca, dum li klarigas ŝatatan temon, kreas ĝenon, kiun ne kompensas la hejma komforto.

Ĉar la esperantista vivo speciale interesas nin, ni provu konsideri kelkajn kazojn el nia medio. La rimarkoj valoras, supozeble, por alia eksterhejma vivo de la viro; sed pro tio, ke nia movado per memkulturiĝo kaj disvolviĝo de humanecaj sentoj maturigas la personecon de ia elito, pro tio, fakta aŭ latenta misharmonio, ĉe esperantistaj paroj, havas plej atentindan gravon antaŭ nia konsidero.

Jen niaj tipaj paroj; jen niaj du idealistoj: la hejma kaj la socia. Ili ne estas ankoraŭ ligitaj, kaj ambaŭ partoprenas la esperantan vivon; li, pro natura emo; ŝi, ĉar la hejmo ankoraŭ ne kaptis ŝin; kaj, kvazaŭ senkonscie, akcelante ĝian stariĝon, ŝi trovas en nia *movado rimedon* por atingi sian propran «hejman idealon»: unue renkonti «lin». Fine, ili pariĝis! Iom post iom, la du personecoj elstaras. Tiam. la egoismo de ambaŭ kaj ilia idealo montras sian veran vizaĝon. Ni lasu la kazon maloftan, kiam ambaŭ, sinceraj esperantistoj, daŭre sekvas la vojon, kiu kondukas la homaron al pli da justa komprenemo kaj da feliĉo; kaj ni rigardu al la du, kiuj sin observas kaj provas starigi novan vivon, kun minimuma frakaso. Eble, ambaŭ estas *mezgradaj egoistoj*, ambaŭ mezgradaj idealistoj, kaj ili instaliĝos definitive en mezgrada feliĉo. Ili ambaŭ konsentos pri pago de kotizo, ne pli. En plej oftaj kazoj, ŝi fariĝos hejmulino pli kaj pli, dum li persistos en sia elektita vojo. Tiam ni rekonas tiun amikon, kiu venas sola en kunvenon, kun mieno pli malpli ĉagrenita, kies edzino, kiam ŝi akompanas lin, obstine mutas aŭ malfermas la buŝon nur por piki edzon aŭ Esperanton. En la plej favoraj kazoj, ŝi tamen konfesos: Esperanto estas preferinda ol troa fumado, trinkado, vetludado aŭ kromedzino; kaj pro tio, ŝi konsentas pri lia manio. Ni imagu lin hejme, kun proksimume sama spiritostato, kiam ŝi trudas al li familiajn devojn, anstataŭ *lasi lin iri* al kunveno aŭ ŝatata renkontiĝo. La konflikto verŝajne neniam ĉesiĝos.

Inverse povas *okazi*, **ke li estu la venkito**. Li ĝuas plene hejmajn feliĉojn, kiujn ŝi speciale atentas, kaj lia socia konscienco, se *ne ĉiam* absolute konsentas, sufiĉe endormiĝis por ne tro turmenti lin. Tiam, la du gekamaradoj malaperas.

*En tiuj du lastaj* kazoj povas esti. ke li aŭ ŝi gloru, ĉar ili venkis la alian. Sed ili sciu, ke oni ne venkas, kiam oni trudas; ili ne forgesu, ke tiu, kiu mutas, suferas, kaj ke iam tiu sufero eble ribelos por translokiĝi en la alian, kiu tiam fariĝos la venkito.

Kiom da geamikoj aperas aŭ malaperas, aktivas aŭ silentas periode, kaj ne ĉiam konfesas la ĝustan motivon! Vi mem konkludu; speciale vi, gejunuloj. Ne kredu, ke temas pri bagatelo. Vi bezonas nur rigardi ĉirkaŭ vi. Kaj pripensu, antaŭ ol fondi hejmon, se vi ne volas bedaŭri poste. Feliĉe, viro kaj virino estas perfektigeblaj, kaj eble iom da socia edukado, por ŝi, kaj da hejmaj zorgoj, por li, solvus plej grandparte la *problemon*. Forigu do la antaŭjuĝojn. pri la specife inaj hejmaj laboroj, kiuj sklavigas ŝin; vi ambaŭ celu al pli racia kaj pli libera kunvivado. Ne temas pri kvazaŭa kontrakto, temas pri konvertiĝo, pri konsciiĝo, pri komuniumo en sama idealo, kiu forigos por ĉiam ombrojn de via hejmo. Kaj se vi, amikoj, estas lertaj, eble vi ne fieros, ĉar vi senŝeligas terpomojn; sed vi fieros, ĉar vi helpis ŝin liberiĝi.

# EL ESPERANTO EN LA RADIO

**Relación de las diversas emisoras que radian en Esperanto con expresión de su longitud de onda y hora oficial española equivalente, en la actualidad, a la hora de Greenwich más una**

*Abreviaturas: I-Informes, D-Disertaciones, C-Curso*

DOMINGO.—17.00-17.20.-**Roma**, 19'5 m, 31,1 m. D. Radio Roma-Esperanto, Vía Vittorio Veneto, 56.

LUNES.—06.30-06.35.-**Viena**, 513 m, 25 m, 41 m, 48, m, I. Radio Viena, Argentinierstrasse. 30ª. Viena IV. (Austria).
08.15-08.30.-**Estocolmo**. 19'80 m. 49'46 m.
08.45-09.00.-**Lille**. 535 m, D. Radiodifusion Française. Lille (Nord) Francia.
15.30-16.00.-**Río de Janeiro**. 375 m. 30'71 m, C. I. Radio Ministério da Educaçao e Saude, Río de Janeiro.
16.15-16.30.-**Estocolmo**. 19'80 m, 27'83 m. D. Sveriges Radio, Estocolmo 7.
23.15-23.20.-**Hilversum**. 402 m. I. (Todos los segundos lunes). V.A.R.A. Heuvellaan 33. Hilversum. Holanda.

MARTES —02.12-02.30.-**Estocolmo**. 19'80 m. 27'83 m. D.
12.50-12.55.-**Berna**.-48'66 m, 31'46 m, 13'94 m. D. Doctor Baur. SRG, Kurzwellendienst, Neuengasse 28. Berna.
18.35-18.40.-**Berna**.-Como a las 12.50; pero sustituyendo entonces la onda de 13'94 m, por la de 19'60 m. (No radia el primer martes).

MIERCOLES. — 00.45-01.00. - **Guatemala**. 49 m. I. Estación Cultural de «La Voz de Guatemala» Guatemala Cd,

JUEVES.—09.30-09.45.-**París**. 347 m, 48'39 m.
12.55-13.00. - **Berna**. Como el martes.
18.10-18.25.-**Viena**. 203 m, 25 m, 30 m, 41 m, 48 m, D. (Todos los segundos jueves).
18.35-18.40. - **Berna**. Como el martes.

VIERNES.—17.00-17-20.-**Roma**. Programa similar al del domingo.

SABADO.—21.00-21.15.-**Sofía**. 39.11 m. D.
23.15-23.20.-**Hilversum**. 298 m. K. R. O. D., Emmastraat 52, Hilversum. Holanda.

*OBSERVACIONES. — Todos los trimestres las emisoras de Hilversum, cambian recíprocamente sus ondas. Es decir que a partir del 1 de Abril próximo, se escuchará a la emisora laborista (VARA) donde ahora sale la católica (KRO) y viceversa. Cada emisora conserva sin embargo su propio horario.*

*Los aparatos de radio que tengan graduado el dial en kilociclos, en lugar de en metros, pueden señalar el lugar de la emisión dividiendo 300.000 por el número de metros asignados a la emisora.*

*Todos los informes sobre radio envíense al señor G. Larglantier, 29 Bd. Murat, PARIS 16 (Francia).*

# BONHUMORO LAŬ ETAJ DOZOJ

—Doktoro, ĉiam, kiam mi vidas vin, mi memoras, ke mi ŝuldas al vi la vivon.

—Kaj... pri la honorarioj, vi ne memoras?

---

—Tri el miaj klientoj plene resaniĝis en ĉi tiu semajno.

—Kompreneble! La tutan tagon vi sidas en kafejo...

---

—Ĉu la kuracistoj interkonsentis en la konsulto?

—Jes, absolute, ĉiu el ili postulis la saman honorarion!

# ESTAS AKURATA BONHUMORO

De antaŭ multaj tagoj S-ro Giménez ne vendis eĉ unu poŝhorloĝon. Feliĉe, kiam li estis preta por fermi la pordon de sia butiko, en tiu aŭtuna vespero, juna kaj eleganta sinjoro eniris kaj petis pri oraj poŝhorloĝoj. Afablege, la horloĝisto montris al li siajn plej belajn svisajn trezoretojn kaj, per tre lerta kaj daŭra konsilado, prilaboris la vendon de la plej multekosta.

Tiam, maljuna kamparanino, ŝarĝita per korboj kaj pakajoj, tute senatente al la zorgo de la vendisto, demandis lin:

—Ĉu mia horloĝo estas jam riparita?

Ĝenite, la vendisto respondis;

—Jes!

—Do, donu ĝin rapide al mi, ĉar mi devas atingi la lastan vagonaron!

La vendisto, ne dezirante forlasi la zorgon de la vendado, kaj ektimante ke, pro nesufiĉa atento, la aĉetonto malaperos, respondis pretekste kaj malmilde al la kamparanino:

—Ne eble, sinjorino! Mia filo kumportas ĝin en sia poŝo, por daŭre kontroli la efikon de la farita riparado.

—Sed, sinjoro, volu atenti ke mi estas Terezo García!

—Eĉ se vi estus la Reĝino de Hispanio, mi ne povus doni al vi horloĝon, kiun kunportas mia filo, ĵus foririnta de la butiko!

—Mi ripetas al vi, ke mi estas Terezo García, kaj ke mi...

—Sufiĉe, sinjorino! Mi tute neniel povas fari miraklojn!

—Ĉu ne, miraklojn? Jes, miraklojn vi faras, kaj via filo ankaŭ, ĉar mia riparita horloĝo ne estas poŝa, sed mura, kaj ĝi pezas almenaŭ dudek kilogramojn!

*Vera anekdoto, okazinta antaŭ kelkaj jaroj, raportita de nepo de la koncerna metiisto al*

**D-ro CIRANO**

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

En hispanaj rondoj estas tre disvastigita la kutimo nomi la instruistojn «profesoroj», kaj tio estas granda eraro, devenanta de la hispana lingvo, laŭ kiu ĝenerale ĉiuj, kiuj instruas, estas profesoroj: tiel la unuagradaj instruistoj, kiel tiuj, kiuj instruas en supera universitato. Sed internacie, do, ankaŭ en Esperantujo, profesoroj estas nur la instruistoj en superaj lernejoj, kiel liceoj, universitatoj kaj aliaj.

Ankaŭ estas kutimo ĉe ni, hispanoj, diri «Adiaŭ» kiam ni devas diri «Ĝis revido». «Adiaŭ» estas saluto per kiu kelkaj personoj disiĝas por ĉiam, aŭ por tre longa tempo, sed ĝi ne devas esti uzata, kiam la disiĝo estas por mallonga tempo. Ankaŭ tiu kutimo estas hispana, ĉar ni ĉiam diras «Adiaŭ» ĉu por ĉiam, ĉu por longe, ĉu por mallonge.

**JUAN BOSCH**

---

# *Ricevitaj Libroj*

**JARLIBRO DE U. E. A. 1951.-Unua parto.** Neaĉetebla, sed ricevebla nur, por ilia uzo, de ĉiuj Individuaj Membroj de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

Ĉi tiun jaron ni ricevis la agrablan surprizon, ke ĝi aperis en la komenco de la jaro, anstataŭ meze de ĝi, kiel kutime. Tio estas pli konvena, ĉar la abonantoj povas jam en la komenco de la jara periodo konsulti tiun libron, tiom interesa por aktiva esperantisto. Ĝi havas novajn kaj agrablajn sekciojn. Ili estas la jenaj: Aranĝoj Esperantistaj, okazontaj en la jaro 1951 (Internaciaj Kongresoj, Landaj Kongresoj kaj aliaj aranĝoj, kiel la Internaciaj Feriaj Kursoj en Helsingor, Someraj Kursoj en Karlovy Vary ktp.). Regularo de la Internacia Somera Universitato. Gazetara Servo. Koresponda Servo. Ĉi tiuj trajtoj estas tre interesaj; kaj ili, kune kun la jam konataj pri Delegitoj, Librolisto, Listo de eldonaĵoj, Akademio, Universalaj Kongresoj, Fakaj Asocioj ktp. havigas al la libro sufiĉajn meritojn por ke plezure ĉiu konscia esperantisto ĝin posedu.

**JUAN BOSCH**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto aŭ unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

**Angel García,** Torre-Urizar, 12, Bilbao, deziras korespondi kun ĉiuj landoj, kaj precipe per i. p. kaj interŝanĝi p. m.

JOSE E. PEDRAZ, Marqués de Urquijo, 19, Madrid, deziras aĉeti ekzempleron de la numero de Decembro 1948. de la gazeto ESPERANTO de U. E. A.

D-ro DOI-MORIO, ginekologo en Kacho-Hospital (Gomen P. O. Zone) Nodamura, Kogaoka-gun, Kochi-ken (Japanio) dez. koresp. kun hispanaj kolegoj.

---

## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a MARZO 1951)**

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | **295** | **Ptas.** |
| **Daniel Muñoz (Catarroja)** | **10** | » |
| **Francisco Lloréns (Catarroja)** | **10** | » |
| **Elías Serra (La Laguna)** | **10** | » |
| **Pedro Marqueta (Zaragoza)** | **10** | » |
| **Mariano Pinilla (Zaragoza)** | **10** | » |
| **Antonio Pont (Valencia)** | **10** | » |
| **Manuel Monleón (Valencia)** | **10** | » |
| **Francisco Roglá (Valencia)** | **4** | » |
| **Vicente Perles (Miraflor-Vergel)** | **10** | » |
| **Santiago Cubero (La Coruña)** | **5** | » |
| **José Perogordo (Madrid)** | **25** | » |
| **José Cuadras (Prat de Llobregat)** | **10** | » |
| **Total** | **419** | » |

**¡Superaremos la cifra en el segundo trimestre?**

La 31-an de Decembro —dum la jarnokto— mortis la pli ol 90-jara Profesoro Paul Christaller, vera nestoro de la Esperanto movado en Germanio. Depost la jaro 1904ª li laboris senĉese por Esperanto, eldonis du gramatikojn, tradukis multegajn broŝurojn, varbilojn kaj librojn, kaj verkis la plej grandan vortaron en Esperantujo: «Germana-Esperanto», kaj nun ankaŭ «Esperanto-Germana». Li vizitis dum sia vivo 18 mondkongresojn.

La hispana esperantistaro partoprenas funde la malĝojon, kiun la germanaj samideanoj nun sentas pro la malpleno, kiun la forpasinto lasis.

**Eldonkvanto de ĉi tiu numero: 750 ekzempleroj**

---